DIMANĈO 16 SEPTEBRO 1906. Tiu Numero escepte : 15 CENTIMOJ DUA JARO. — N° 28

# ★ ESPERANTO ★

·ESPERANTO-JOURNAL· & ·REVUE DE L'ESPERANTO·

Sendu ĉiun korespondajon rilatan al Administrado al :
**Administration de Esperanto-Journal**
GENÈVE (Svisl ) & BELLEGARDE (Ain, Francl.)

**ABONOJ**
24 sinsekvaj numeroj. Franc- & Svislando : **3** fr. Aliaj landoj : **3** fr. **75**
Luksa Eldono : 12 numeroj, **4** fr.

L'Administrantaro de l'jurnalo lasas al ĉiu aŭtoro de artikolo la respondecon de lia skribajo.

La jurnalo prenas sur sin nenian respondecon pri la anoncoj.

**OPAJ ABONOJ**
Nepre rezervataj por la Grupoj

| 10 sinsekvaj numeroj | | 24 sinsekvaj numeroj | |
|---|---|---|---|
| 10 Kopioj | fr. **10** | 10 Kopioj | fr. **24** |
| 24 » | » **20** | 24 » | » **48** |


## Parolado de Doktoro Zamenhof

*ĉe la solena malferma kunsido*

(Stenografiita)

Estimataj sinjorinoj kaj sinjoroj!

Mi esperas, ke mi plenumos la deziron de ĉiuj alestantoj, se en la momento de la malfermo de nia dua Kongreso mi esprimos en la nomo de vi ĉiuj mian koran dankon al la brava svisa lando por la gastameco, kiun ĝi montris al nia Kongreso, kaj al lia Moŝto la Prezidanto de la Svisa Konfederacio, kiu afable akceptis antaŭ du monatoj nian delegitaron. Apartan saluton al la urbo Genevo, kiu jam multajn fojojn glore enskribis sian nomon en la historion de diversaj gravaj internaciaj aferoj.

Permesu al mi ankaŭ esprimi en la nomo de vi ĉiuj koran dankon al la organizintoj de la nuna Kongreso, al la sindonaj svisaj esperantistoj, kiuj tiel multe kaj senlace laboris en la daŭro de la pasinta jaro, fondis preskaŭ en ĉiuj urboj de la svisa lando grupojn esperantistajn kaj diligente faris ĉion kion ili povis por sukcesa pretigo de nia Kongreso ; al la Provizora Centra Organiza Komitato, kiu precipe en la persono de sia prezidanto tiel energie laboris kaj tiel diligente zorgis pri ĉiuj preparoj ; fine — sed certe ne malplej grave — al tiuj kaŝitaj amikoj, kiuj per malavara fondo de la Centra Oficejo donis fortikan fundamenton por ĉiuj plej gravaj laboroj.

Sinjorinoj kaj sinjoroj!

Ĉe la malfermo de nia Kongreso vi atendas de mi ian paroladon ; eble vi atendas de mi ion oficialan, ion indiferentan, palan kaj senenhavan, kiel estas ordinare la oficialaj paroloj. *Tian* parolon mi tamen ne povas doni al vi. Mi ĝenerale ne amas tiajn parolojn sed precipe *nun*, en la nuna jaro, tia senkolora oficiala parolo estus granda peko de mia flanko. Mi venas al vi el lando, kie nun multaj milionoj de homoj malfacile batalas pro libereco, pro la plej elementa homa libereco, pro la *rajtoj de homo*. Pri tio ĉi mi tamen ne parolus al vi : ĉar se kiel *privata homo* ĉiu el vi eble sekvas kun intereso la malfacilan bataladon en la granda multemiliona lando, tamen kiel *esperantistojn* tiu ĉi batalado ne povus vin tuŝi kaj nia Kongreso havas nenion komunan kun aferoj politikaj. Sed krom la batalado pure politika en la dirita lando estas nun farata io kio nin kiel esperantistojn ne povas ne tuŝi : ni vidas en tiu lando kruelan bataladon inter la *gentoj*. Tie ne homo de unu lando pro politikaj patrolandaj interesoj atakas homojn de alia lando — tie la naturaj filoj de sama lando jetas sin kiel kruelaj bestoj kontraŭ la tiel same naturaj filoj de tiu sama lando nur tial, ĉar ili apartenas al alia gento. Ĉiutage estingiĝas tie multe da homaj vivoj per batalado politika, sed multe pli da homaj vivoj estingiĝas tie ĉiutage per batalado *intergenta*. Terura estis la stato de aferoj en la Okcidenta Rustajo. Malbenita, milfoje malbenita estu la intergenta malamo!

Kiam mi estis ankoraŭ infano, mi en la urbo Bielovstok rigardadis kun doloro la reciprokan fremdecon kiu dividas inter si la naturaj filojn de sama lando kaj sama urbo. Kaj mi revis tiam, ke pasos certa nombro da jaroj, kaj ĉio ŝanĝiĝos kaj boniĝos. Kaj pasis efektive certa nombro da jaroj, kaj anstataŭ miaj belaj songoj mi ekvidis teruran efektivajon ; en la stratoj de mia malfeliĉa urbo de naskiĝo sovaĝaj homoj kun hakiloj kaj feraj stangoj sin jetis kiel plej kruelaj bestoj kontraŭ trankvilaj loĝantoj, kies tuta kulpo konsistis nur en tio, ke ili parolis alian lingvon kaj havis alian gentan religion, ol tiuj ĉi sovaĝuloj. Pro tio oni frakasis la kraniojn, kaj elpikis la okulojn al viroj kaj virinoj, kadukaj maljunuloj kaj senhelpaj infanoj! Mi ne volas rakonti al vi la terurajn detalojn de la bestega Bielovstkoa buĉado ; al vi kiel al esperantistoj mi volas nur diri, ke terure altaj kaj dikaj estas ankoraŭ la interpopolaj muroj, kontraŭ kiuj ni batalas.

Oni scias, ke ne la rusa gento estas kulpa en la besta buĉado en Bielovstok kaj multaj aliaj urboj ; ĉar la rusa gento neniam estis kruela kaj sangavida ; oni scias, ke ne la Tataroj kaj Armenoj estas kulpaj en la konstanta buĉado, ĉar ambaŭ gentoj estas gentoj trankvilaj, ne deziras altrudi al iu sian regadon, kaj la sola, kion ili deziras, estas nur ke oni lasu ilin trankvile vivi. Oni scias nun tute klare ke kulpa estas aro da abomenindaj krimuloj, kiuj per diversaj kaj plej malnoblaj rimedoj, per amas dismetataj mensogoj kaj kalumnioj arte kreas teruran malamon inter unuj gentoj kaj aliaj. Sed ĉu la plej grandaj mensogoj kaj kalumnioj povus doni tiajn terurajn fruktojn se la gentoj sin reciproke bone konus, se inter ili ne starus altaj kaj dikaj muroj kiuj malpermesas al ili libere komunikiĝadi inter si kaj vidi, ke la membroj de aliaj gentoj estas tute tiaj samaj homoj, kiel la membroj de nia gento, ke ilia literaturo ne predikas iajn terurajn krimojn, sed havas tiun saman etikon kaj tiujn samajn idealojn kiel nia! Rompu, rompu la murojn inter la popoloj, donu al ili la eblon libere konatiĝi kaj komunikiĝi sur neŭtrala fundamento, kaj nur tiam povos malaperi tiaj bestajoj, kiujn ni nun vidas en diversaj lokoj.

Ni ne estas tiel naivaj kiel pensas pri ni kelkaj personoj, ni ne kredas, ke neŭtrala fundamento faros el la homoj anĝeloj ; ni scias tre bone, ke la homoj malbonaj ankaŭ poste restos malbonaj ; sed ni kredas, ke komunikiĝado kaj konatiĝado sur neŭtrala fundamento forigos almenaŭ la grandan amason de *tiuj* bestajoj kaj krimoj, kiuj estas kaŭzataj ne de malbona volo, sed simple de sinnekonado kaj de devigata sinaltrudado.

Nun, kiam en diversaj lokoj de la mondo la batalado inter la gentoj fariĝis tiel kruela, ni, esperantistoj, devas labori pli energie ol iam. Sed por ke nia laborado estu fruktoporta, ni devas antaŭ ĉio bone klarigi al ni la internan ideon de la esperantismo. Ni ĉiuj senkonscie ofte aludadis tiun ĉi ideon en niaj paroloj kaj verkoj, sed ni neniam parolis pri ĝi pli klare. Estas jam tempo ke ni parolu pli klare kaj precize.

El la deklaracio unanime akceptita en la Boulogne'a Kongreso ni ĉiuj scias, kio estas la Esperantismo en rilato praktika ; el tiu ĉi deklaracio ni ankaŭ scias, ke « Esperantisto estas nomata ĉiu persono, kiu uzas la lingvon Esperanto tute egale, por kiaj celoj li ĝin uzas ». Esperantisto sekve estas ne sole tiu persono kiu uzas Esperanton sole kaj ekskluzive por celoj praktikaj, Esperantisto ankaŭ estas persono, kiu uzas Esperanton por gajni per ĝi monon, Esperantisto estas persono kiu uzas Esperanton nur por amuziĝadi, Esperantisto fine estas eĉ tiu persono, kiu uzas Esperanton por celoj plej malnoblaj kaj malamaj. Sed krom la flanko praktika, deviga por ĉiuj kaj montrita en la Deklaracio, la Esperantismo havas ankoraŭ alian flankon, ne devigan, sed multe pli gravan, flankon idean. Tiun ĉi flankon diversaj Esperantistoj povas klarigi al si en la plej diversa maniero kaj en la plej diversaj gradoj. Tial, por eviti ĉiun malpacon, la Esperantistoj decidis lasi al ĉiu plenan liberecon akcepti la internan ideo de la Esperantismo en tiu formo kaj grado, kiel li mem deziras, aŭ — se li volas — eĉ tute ne akcepti por la Esperantismo ian ideon. Por demeti de unuj Esperantistoj ĉian respondecon por la agoj kaj idealoj de aliaj esperantistoj la Bulonja Deklaracio precizigis la oficialan, de ĉiuj sendispute akceptitan esencon de la Esperantismo kaj aldonis la sekvantajn vortojn : « Ĉiu alia espero aŭ revo, kiun tiu aŭ alia persono ligas kun la Esperantismo estas lia afero pure privata, por kiu la Esperantismo ne respondas ». Sed bedaŭrinde la vorton « privata » kelkaj amikoj-esperantistoj klarigis al si en la senco de « malpermesata », kaj tiamaniere anstataŭ konservi por la interna ideo de la Esperantismo la eblon tute libere disvolviĝi, ili volis tiun ideon tute mortigi.

Se ni, batalantoj por Esperanto, propravole donis al la vasta mondo plenan rajton rigardadi Esperanton nur de ĝia flanko praktika kaj uzadi ĝin nur por nia utilo, tio ĉi kompreneble al neniu donas la rajton postuli, ke ni ĉiuj vidu en Esperanto nur aferon praktikan. Bedaŭrinde en la lasta tempo inter la esperantistoj aperis tiaj voĉoj kiuj diras : « Esperanto estas NUR lingvo ; evitu ligi eĉ tute private la esperantismo kun ia *ideo*, ĉar alie oni pensos ke ni ĉiuj havas tiun ideon, kaj ni malplaĉos al diversaj personoj kiuj ne amas tiun ideon ! » Ho kiaj vortoj ! El la timo, ke ni eble ne plaĉos al tiuj personoj, kiuj mem volas uzi Esperanton nur por aferoj praktikaj por ili, ni devas *ĉiuj* elŝiri el nia koro tiun parton de la esperantismo, kiu estas la plej grava, la plej sankta, tiun ideon, kiu estis la ĉefa celo de la afero de Esperanto, kiu estis la stelo, kiu ĉiam gvidadis ĉiujn batalantojn por Esperanto! Ho, ne, ne, neniam! kun energia protesto ni forjetas tiun ĉi postulon. Se nin, la unuajn batalantojn por Esperanto, oni devigos, ke ni evitu en nia agado ĉion idean, ni indigne disŝiros kaj bruligos ĉion, kion ni skribis por Esperanto, ni neniigos kun doloro la laborojn kaj oferojn de nia tuta vivo, ni forjetos malproksimen la verdan stelon, kiu sidas sur nia brusto kaj ni ekkrios kun abomeno : « Kun *tia* Esperanto, kiu devas servi ekskluzive nur al celoj de komerco kaj praktika utileco, ni volas havi nenion komunan ! »

Venos iam la tempo, kiam Esperanto, fariĝinte posedajo de la tuta homaro, perdos sian karakteron idean ; tiam ĝi fariĝos jam nur lingvo, oni jam ne batalados por ĝi, oni nur tirados el ĝi profiton. Sed nun, kiam preskaŭ ĉiuj esperantistoj estas ankoraŭ ne profitantoj, sed nur batalantoj, ni ĉiuj konscias tre bone ke al laborado por Esperanto instigas nin ne la penso pri praktika utileco, sed nur la penso pri la sankta, granda kaj grava *ideo*, kiun lingvo internacia en si enhavas. Tiu ĉi ideo — vi ĉiuj sentas ĝin tre bone — esta *frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj*. Tiu ĉi ideo akompanadis esperantismon de la unua momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Ĝi instigis la aŭtoron de Esperanto, kiam li estis ankoraŭ malgranda infano ; kiam antaŭ dudek ok jaroj rondeto da junaj diversgentaj gimnazianoj festis la unuan signon de vivo de la estonta Esperanto, ili kantis kanton, en kiu post ĉiu strofo estis ripetataj la vortoj : « malamikeco de la nacioj falu, falu, jam estas tempo. » Nia himno kantas pri la « nova sento, kiu venis en la mondon », ĉiuj verkoj, vortoj kaj agoj de la iniciatoro kaj de la nunaj Esperantistoj ĉiam spiras tute klare tiun saman ideon. Neniam ni kaŝis nian ideon, neniam povis esti ec la plej malgranda dubo pri ĝi, ĉar ĉio parolis pri ĝi, kaj sindone laboris. Kial do aliĝis al ni la personoj kiuj vidas en Esperanto « nur lingvon » ? Kial ili ne timis ke la mondo kulpigos ilin pri granda krimo, nome pri la deziro helpi al iom-post-ioma unuiĝo de la homaro ? Ĉu ili ne vidas, ke iliaj paroloj estas kontraŭaj al iliaj propraj sentoj kaj ke ili senkonscie revas pri tio sama, pri kio *ni* revas, kvankam pro neĝusta timo antaŭ sensencaj atakantoj ili penas tion ĉi nei ?

Se mi la tutan pli bonan parton de mia vivo memvole pasigis en grandaj suferoj kaj oferoj kaj ne rezervis por mi eĉ ian rajton de aŭtoreco — ĉu mi faris tion ĉi pro ia praktika utileco ? Se la unuaj esperantistoj pacience elmetadis sin ne sole al konstanta mokado, sed eĉ al grandaj oferoj, kaj ekzemple unu malriĉa instruistino longan tempon suferis malsaton, nur por ke ŝi povu ŝpari iom da mono por la propagando de Esperanto — ĉu ili ĉiuj faris tion ĉi pro ia praktika utileco ? Se ofte personoj alforĝitaj al la lito de morto skribadis al mi, ke Esperanto estas la sola konsolo de ilia finiĝanta vivo, ĉu ili pensis tiam pri ia praktika utileco ? Ho, ne, ne, ne ! ĉiuj memoris nur pri la interna *ideo* entenata en la esperantismo ; ĉiuj ŝatis Esperanton ne tial, ke ĝi alproksimigas reciproke la *korpojn* de la homoj, eĉ ne tial ke ĝi alproksimigas la *cerbojn* de la homoj, sed nur tial, ke ĝi alproksimigas ilajn korojn.

Vi memoras, kiel forte ni ĉiuj estis entuziasmigitaj en Bulonjo ĉe l'Maro. Ĉiuj personoj, kiuj partoprenis en la tiea kongreso, konservis pri ĝi la plej agrablan kaj plej entuziasman memoron por la tuta vivo, ĉiuj ĝin nomas « la neforgesebla kongreso ». Kio do tiel entuziasmigis la membrojn de la kongreso ? Ĉu la amuzoj per si mem ? Ne, ĉiu ja povas havi sur ĉiu paŝo multe pli grandajn amuzojn, aŭskulti teatrajojn kaj kantojn multe pli bonajn kaj plenumatajn ne de nespertaj diletantoj, sed de plej perfektaj specialistoj ! Ĉu nin entuziasmigis la granda talento de la parolantoj ? Ne ; ni tiajn ne havis en Bulonjo. Ĉu la fakto ke ni komprenis nin reciproke ? Sed en ĉiu kongreso de samnacianoj ni ja komprenas nin ne malpli bone, kaj tamen nenio nin entuziasmigas. Ne, vi ĉiuj sentis tre bone, ke nin entuziasmigis ne la amuzoj per si mem, ne la reciproka sinkomprenado per si mem, ne la praktika utileco, kiun Esperanto montris, sed la interna *ideo* de la esperantismo, kiun ni ĉiuj sentis en nia koro. Ni sentis, ke komenciĝas la falado de la muroj inter la popoloj, ni sentis la spiriton de ĉiuhoma frateco. Ni konsciis tre bone, ke, ĝis la fina malapero de la muroj, estas ankoraŭ tre kaj tre malproksime ; sed ni sentis, ke ni estas atestantoj de la unua forta ekbato kontraŭ tiuj muroj ; ni sentis, ke antaŭ niaj okuloj flugas ia fantomo de pli bona estonteco, fantomo ankoraŭ tre nebula, kiu tamen de nun ĉiam pli kaj pli korpiĝados kaj potenciĝados.

Jes, miaj karaj kunlaborantoj ! Por la indiferenta mondo Esperanto povas esti nur afero de praktika utileco. Ĉiu, kiu uzas Esperanto aŭ laboras por ĝi, estas esperantisto, kaj ĉiu esperantisto havas plenan rajton vidi en Esperanto nur lingvon, simplan, malvarman internacian kompreniĝilon similan al la mara signaro, kvankam pli perfektan. *Tiaj* esperantistoj kredeble ne venas al niaj kongresoj aŭ venos al ili nur por celoj esploraj, praktikaj aŭ por malvarma diskutado pri demandoj pure lingvaj, pure akademiaj, kaj ili ne partoprenos en nia ĝojo kaj entuziasmo kiu eble ŝajnos al ili naiva kaj infana. Sed tiuj esperantistoj, kiuj apartenas al nia afero ne per sia kapo, sed per sia *koro*, tiuj ĉiam sentos kaj ŝatos en Esperanto antaŭ ĉio ĝian internan *ideon* ; ili ne timos, ke la mondo moke nomos ilin utopiistojn kaj la naciaj ŝovinistoj eĉ atakos ilian idealon

kvazaŭ krimon; ili estos fieraj pri tiu nomo de utopiistoj. Ĉiu nia nova kongreso fortikigos en ili la amon al le interna ideo de la esperantismo, kaj iom post iom niaj ĉiujaraj kongresoj fariĝos konstanta festo de la homaro kaj de homa frateco.

## Dua Universala Kongreso de Esperanto

### Raporto de l'Organiza Komitato

*Pri la kreo de Esperantistaj Konsulejoj.*

Jam en 1896, oni komprenis kiel utile estus la ekzisto, en ĉiuj urboj, de personoj kiuj respondus al ĉiaj petoj pri seriozaj sciigoj, faritaj de esperantistoj, kaj oni faris interesan provon efektivigi tian ideon: la unuaj numeroj, de *Lingvo Internacia*, de l'jaro 1897, enhavas nomaron de bonvolaj « agentoj de Esperanto », kiuj akceptis tiun taskon. Sed, pro diversaj kaŭzoj. tiu eksperimento estis antaŭtempa, kaj ne donis la esperitajn rezultatojn.

En 1905, S-ro A. Carles, el Béziers (Francujo), prezentis ree tiun ideon al la organizantoj de la Unua Kongreso de Boulogne, atentigante pri la oportuno, kiu estus, se oni havus « en multaj urboj *konsulojn* al kiuj oni povus *ĉiam sukcese* sin turni, kaj de kiuj (*per malgranda maklera pago*) oni povus ricevi ĉiujn petitajn sciigojn, eĉ privatajn informojn pri komercistoj. Ankaŭ la vojaĝantoj ĉiam scius kien ili povus sin prezenti por ricevi bonan akcepton kaj ĉiujn postulitajn informojn, ne ĝenante iun. »

La aŭtoro, cetere, ne donas detalojn pri la maniero efektivigi sian ideon. Li diras nur :

« Ĉu estus malfacile organizi konsularon ? — Certe ne.

« Anstataŭ krei la Tutmondan Ligon Esperantistan laŭ la propono kaj la difino de D-ro Zamenhof — kiu, laŭ mia opinio, enkatenus ĉiujn iniciativojn, ĉu privatajn, ĉu de la diversaj naciaj societoj, sufiĉus krei *Centran konsulejon*, kiu tuj kolektus la aliĝojn de la unuaj bonvolantoj, kaj aperigus iliajn nomojn en la esperantistajn gazetojn. (Tio ja ne malhelpus la kreon de Centra Komitato aŭ Akademio difinonta *tuj kaj nepre* la elektojn de Enovaj vortoj, iliajn ĝustajn sencojn, la diversajn gramatikajn demandojn, k. t. p.).

« Mi do proponas al la Kongreso akcepti la principon pri kreo de konsuloj (oficialaj aŭ ne), kaj tuj nomi komitaton difinontan tiun kreon. »

La Esperanta Klubo en Vieno proponis, poste, plenan projekton, kies tekston sekvas :

*Propono por elekto de riprezentantoj esperantistoj en ĉiuj landoj.*

« 1e. — La centro por la unuigo de l'reprezentantoj esperantistaj estas la « Esperantista Organiza Komitato », 51, rue de Cichy, Parizo.

« 2e. — En ĉiu loko de l'mondo kie ekzistas esperantistoj, estu nomigata unu riprezentanto.

« Se, en ia loko loĝas nur unu esperantisto, tiu mem estu la riprezentanto.

« Pli multe da esperantistoj loĝantaj en ia loko, fondu grupon esperantistan, el kies mezo ili elektu la plej taŭgan kiel riprezentanto.

« Se kelke da grupoj ekzistas en ia loko, iliaj estraroj komune elektu unu riprezentanton.

« La grupoj havu la taskon serĉi la esperantistojn izolitajn en la amplekso de sia agado pere de ripetitaj alvokoj en la diversaj nacilingvaj gazetoj provincaj aŭ eĉ distriktaj kaj lokaj.

« 3e. — La riprezentanto havu la devon volonte respondi ĉiujn demandojn direktitajn al li kaj subteni ĉiun sin turnantan al li skribe aŭ parole, per konsilo kaj agado.

« Ĉia esperantisto visitanta lokon, kie loĝas jam ia riprezentanto esperantista, havu la devon interkomunikiĝi persone kun tiu.

« 4e. — Nomo kaj adreso de ĉiu riprezentanto elektita estu sciigataj al la « Esperantista Organiza Komitato » en Parizo pere l'grupoj ekzistantaj jam en diversaj urkoj.

« Ĉiujare eliru poŝadresaro enhavanta la nomojn kaj adresojn de l'riprezentantoj laŭ landoj kaj lokoj en alfabeta ordo.

« Okaze de ŝanĝo de la loĝejo ĉiu riprezentanto havu la devon tuj sciigi la klubon plej proksiman per kiu okazis la anonco de lia adreso ĉe la « Esperantista Organiza Komitato » por ke tiu iniciatu la publikigon de l'nova adreso en la esperantistaj jurnaloj.

« Ĉiuj esperantistaj jurnaloj represigu la ŝanĝitajn adresojn laŭ la publikigo aperonta en la centra organo *Lingvo Internacia.* »

Apenaŭ estas bezone rimarkigi kiel trudema estas la spirito de tiu projekto, kaj kiel neverŝajne estas, ke ĝi estu akceptata.

Al la grupoj oni trudus « kiel devon » la elekton de riprezentanto ; al la esperantistoj kiuj estas izolaj en sia urbo, oni trudus la akcepton de tiu tasko, por kiu ili eble tute ne taŭgas nek havas la rimedojn; al la gazetoj, oni trudus la enpreson de ĉio kiu koncernas la adresojn de la riprezentantoj, kiuj baldaŭ plenigus tiujn gazetojn kaj donus materion ekvivalentan al kelkaj volumoj de *Lingvo Internacia ;* eĉ al ĉiu esperantisto, oni trudas viziti, en ĉia urbo, la riprezentanton ; kaj ĉar, samtempe oni decidus ke ekzistos nur unu riprezentanto en ĉia urbo, kiel ajn granda ĝi estas, facile estas imagi kiom da personoj sin prezentus ĉiutage ĉe la Pariza au Londona reprezentanto.

*Feliĉe,* oni forgesis eldiri, kian punon ricevos la personoj kiuj ne plenumos tiujn devojn.

Fine, oni metas, kiel centron de tia tutmonda konstanta organizo, la Organizan Komitaton,... kies povoj finiĝos, la tagon mem de l'malfermo de la Kongreso.

Ni kredas, ke la tre utila kreo de tiuj riprezentatoj (aŭ, pli bone kaj klare : « konsuloj ») povas efektiviĝi — precize tial ke ĝi estas memvideble utila — tre simple, per la sola agado de la libera iniciativo.

Se la Kongreso, laŭ la esprimo de S-ro Carles, akceptas « la principojn de tiu kreo », kaj komprenigas tiel al la esperantistaro kiel utila ĝi estus, ne estas dube ke multaj societoj kaj grupoj elektos baldaŭ, por sia urbo, unu aŭ kelkajn konsulojn (ĉar en la mezaj kaj grandaj urboj, unu ne sufiĉos). Ili sciigos sian elekton al la naciaj esperantistaj gazetoj, al la redaktistoj de adresaroj kaj al la Centra Oficejo.

Tiu ĉi lasta, kiu intencas eldoni regule duonjaran *Esperantistan Societaron*, enpresos plezure tiujn utilajn sciigojn.

Cetero io simila estas jam farita. Kiam, antaŭ kelkaj semajnoj, la Centra Oficejo petis la Societojn pri [illegible] prepari sian *Societaron*, la Franca Societo por la Propagando de Esperanto montris, por ĉia grupo, la adreson de unu persono, komisiita kaj bonvola por respondi al eblaj demandoj : kaj tiuj personoj estas nenio alia, ol Konsuloj, sen la titolo.

Agante tiel, oni povas konfidi ke, kian kunvenos la 3a Kongreso, ekzistos jam multaj Esperantistaj Konsulejoj. Oni povos tiam kompari kiel ili estis elektataj de la grupoj, kiajn servojn faris tiu kreo, kiel ĝi estos plivastigebla kaj plibonigebla.

La ĉefa malfacilo estas pri la lokoj kie eksistas nenia grupo. Versimile estas ke, iom post iom, konsuloj povos esti elektataj en ili, de la naciaj societoj aŭ de la najbaraj grupoj. Sed, kompreneble, oni ne povas trudi la konsulecon al izola persono, kiu povus esti netaŭga por tiu tasko, kaj ne havi la materian eblon ĝin plenumi.

Pri la makleraj pagoj, kiujn aludas S-ro Carles, ni povas diri nenion ĉi tie, kaj versimile oni povos neniam fiksi regulojn. Multaj servojn, sendube, estos farataj senpage. Por aliaj laŭ la okazo la personoj kiuj petas ian sciigon komprenos mem ke ili devas repagi la elspezojn, kiujn ili kaŭzis

Rekomendinde ŝajnus : 1e ke oni elektu *konsulejojn*, plivole al *konsulojn*, t. e. ke la titolo konsulo estu donata prefere al personoj kiuj havas komercon, industrion aŭ oficon, kaj sekve oficistojn, tiel ke oni estu certa ke iu estos ĉiam dome por respondi ;

2e Ke la konsulejoj estu montrataj, sur la strata fasado, de blazonŝildo, verda kun blanka angulo portanta la verdan stelon, kaj portanta la surskribon : Esperantista konsulejo de la Societo (aŭ grupo) de... »

Se la Kongreso juĝas utila, ĝi povos elekti specialan komitaton por esplori tiun demandon. Sed ni kredas ke tio ne estas utila, kaj ke, se la Kongreso akceptas principe tiun ideon, la libera iniciato faros la neceson, kaj post unu jaro, ni konstatos grandan progreson.



## POST LA KONGRESO

### La Vojaĝo tra Svislando

Post la kongresaj laboraj tagoj, novan plezuron ricevis la esperantista anaro vojaĝante tra Svislando. Lundon matene, je la oka horo, la ĝeneva stacidomo prezentas ĝojigan vidaĵon. Pli ol 230 samideanoj, ĉiuj kun verda steleto, atendas la signalon de la vagonara foriro. Oni adiaŭas al la kongresanoj, kiuj restas ankoraŭ dum kelkaj tagoj en Genevo. Verdaj flagoj aperas ĉiuflanke, elvokantaj la scivolemon apud la profana rigardantaro, kiun mirigas la esperantaj sonoj kaj la vivplenaj interparoladoj de la kongresanoj. Speciala vagonaro estas rezervata por la esperantista anaro.

Fajfoj, — lastaj adiaŭoj, — kaj la vagonaro foriras, aplaŭde salutata de la restantaj samideanoj. Du horojn poste oni alvenas en Montreux, la mirinda floro de l'Lemana lago; la vetero estas belega; antaŭ la okuloj sterniĝas la blua lago strekata de velbarkoj ; poste elstariĝas la Savojaj Montoj, ankoraŭ kaŝataj en la matena nubaĵo. Bonega tagmanĝo kunigas ĉiujn partoprenantojn en la nove konstruita Montreux-Palaco. Poste oni promenadas laŭlonge de l'lagbordejoj, el kie estas ĝuebla nekomparinda vidaĵo. Sed la tempo estas mallonga. Denove la anaro eniras la specialan komfortan vagonaron de la linio Montreux-Oberland berna. Iom post iom la veturilaro altiĝas sur la flanko de l'monte; la tuta ebenaĵo malkovriĝas sub la okuloj de la kongresanoj; vinberejoj plensunaj elvidiĝas laŭ la montetoj de l'laga bordo.

Malproksime, la vido atingas novajn montojn, lagbordajn vilaĝojn, aron da grandaj hoteloj, starantaj en la plej pentriadaj lokoj de la regiono. Sed baldaŭ aliiĝas la pejzaĝo. La lago malaperas ; la vagonaro enpenetras la altan landon ; ĝi trapasas tunelojn; je tiu neatendita vidaĵo miraj krioj eliĝas el la vagonaj fenestroj. Antaŭ la vilaĝoj oni ĝoje ekkrias : « Vivu Esperanto! vivu Zamenhof! » dum oni svingas la standardojn. Vesperiĝe, la vagonaro alvenas borde del'beleta lago Thun'a, lumigata de la lastaj radioj de l'subiranta [illegible] Interlaken, la fremdulejo mond[illegible], pro sia mirinda [illegible] multnombraj hoteloj, pro la dolĉeco de la klimato. La esperantista anaro disiĝas inter 4 komfortaj hoteloj ; post la vespermanĝo denova promenado tra la Interlaken'aj stratoj, ĉiam kum la verdaj flagoj, kiuj mirigas la rigardantan fremdularon.

La morgaŭa tago restos sendube la plej bela rememoraĵo de tiu tiel sukcesa ekskurso tra Svislando. Persistas ĉiam la sama belega, gajiga vetero kiu dum la tuta kongreso favoris nian tutmondan amikaron. Monta vagonaro kondukas la ekskursanojn en Lauterbrünnen, la ĉarma alpa vilaĝo kiun famigas akvofalo alta je 300 metroj. Kia anaro plenigas la tutan vilaĝon, kiun surprizas tiu nekutima bruado, tiu neordinara lingvaĵo, kiun elparolas ĉiuj homoj ŝajne diverslandaj. Sed la celaĵo de la ekskursantoj estas pli alta ankoraŭ. Montaj veturiloj forportas la kongresanojn ĝis Mürren, je 1600-metra alteco ; nekomparinda vojaĝo, kiu restos eterne en la memoro de ĉiuj partoprenintoj ! Mürren sidas sur la kruta monta flanko, en sovaĝa regiono. tute ĉirkaŭita de Alpaj montegoj, Jungfraŭ, Mönch, Eiger, kovrataj de eternaj neĝoj. En la hotelo, dum la tagmanĝo, S-no Rosa JUNCK trinkas la sanon de S-no Zamenhof kaj de ŝiaj infanoj al kiuj estas sendata bela memordonaco. Al D-ro Zamenhof, kiu ne povis sekvi la ekskursantojn, oni sendis la jenan telegramon, kies tekston ni ŝuldas al la afableco de S-no Rosa Junck :

« Esperantistaj ekskursanoj troviĝantaj apud la *Jungfrau*, sendas ne glacian, sed varmegan salutan al sia kara majstro ! »

« Je l'nomo de esperantistaj ekskursanoj, Rosa JUNCK. »

Promenadoj organiziĝas en la ĉirkaŭaĵoj ; nelacigeblaj esta la Esperantistoj por viziti ĉiujn vidindaĵojn sed cetere tiuj vidindaĵoj estas tiel multenombraj, ke oni devas malsupreniri, lasante multajn lokojn neviditajn.

En Interlaken, kelkaj ekskursanoj vizitas la « Kursaal'on » kie farita estas fruktodona propagando por Esperanto. Tial nia vojaĝo estis ne nur plezura, sed ankaŭ propaganda vojaĝo, ĉar esperantistoj vere ne povus kunesti neobeante al tiu por ili nepra devo.

La 5-an de septembro, en la mateno, okazas la reirado al Genevo ; ĝoja, ĝojega vojaĝo! En la vagonoj, interparoladoj esperantaj ligiĝas inter diversnacianoj, oni rememoras pri la neforgeseblaj kongresaj tagoj, pri niaj progresoj en la mondo, pri la pluaj propagandoj farotaj, pri la venonta Kembriĝa (1) kongreso, al kiu ĉiuj promesas interrrenkontiĝi, pri ĉio, kio interesas la aferon, la estonton nian. Kaj kiam konversacioj ĉesas, kantoj esperantaj bruigas la vagonojn ; tie « La Vojo », tie ĉi la himno « Espero », aliloke, kelkaj francoj malobeas la regulon de nuresperanta parolado, kantante la franclingvan kanzonon de nia amiko Chavet pri la Bulonja Kongreso.

En Berno, la ĉefurbo de Svislando, nin entuziasme akceptas la ĉi-tiea grupo, direktata de S-ro Schmidt, tute nova, sed vivplena grupo, kiu baldaŭ fariĝos unu el la unuaj de Svislando. Kun la flagoj alten levataj ni are trapasas la tutan urbon, elvokante la miradon kaj la scivolemon de la vidantoj.

Lastaj momentoj alvenas... Jen, en la Kornhauskeller, S-ro Schneeberger, la agema, nelacigebla prezidanto de la Kongreso. lastfoje saluta la fremdan esperantistaron, kiu travivis tiel belajn tagojn en Svislando. La alilandaj samideanoj el tuta koro dankas la svisan esperantistaron, esprimas siajn ĝojajn sentojn pri la granda alpaŝado de nia afero en la lando. Oni aplaŭdas entuziasme, ĉar baldaŭ venas la neprokrastebla horo de la disiĝo, kaj kiam finiĝas la tago, en Genevo, denove apud la kongresaj kunvenejoj ree silentaj, la manoj interligiĝas; ĝis la revido ! ĝis la venonta Kongreso ! Adiaŭ ! adiaŭ...

STELULO

## LETERO

*Ŝendita de S-ro Harold TARRY al la prezidanto de la Kongreso en Genevo*

***Sinjoro Prezidanto !***

La favora akceptado farita al mia propono rilate la specialigo de la ĉambro *x* kiel kunvenejo por scienculoj, sciencistoj kaj sciencanoj, kaj la kreo de scienca oficiala komisio kun ĉiama oficejo, decidas min prezenti al vi la jenan duan proponon :

Apogante min sur la hieraŭa decido de l'Kongreso pri la elekto de esperanta kon[illegible] postulas ke oni kreu [illegible] nistre direktos la esperantan [illegible] tiu ŝtato kaj aranĝos apud si oficialan tradukoficejon kien povos sin turni ĉiu sciencistoj, belletristoj, teatristoj, negocistoj, kc. por ricevi aficialan tradukon de siaj sciencaj raportoj, literaturaj verkoj, teatraĵoj kaj komercaj cirkuleroj, kc.

Tiel, estus en ĉiu ŝtato de l'kvin teropartoj ĝenerala Konsulo, kiu povos poste esti oficiale kaj diplomate rajtigita ĉe la estraroj kiel reprezentanto de l'Esperanta Imperio, kies la ĉefurbo estos ĉiujare la urbo, kie okazos la Kongreso.

Tiu propono evidente elvokas tre komplikajn demandojn, kiuj povas esti utile prezentatajn al iu Kongreso nur post longa studado en Komisio. Mi sekve postulas ke mia propono, kies la gravecon vi komprenos, kaj kies nur la esencon mi montras, ne enirante detalojn, estu transdonata por ekzameno al la Organiza Komitato de la venonta Kongreso Esperanta.

Harold TARRY
Prezidanto de la « Flammarion Societo » de Alger kaj de Franca Afriko.

## *Malgaja epizodo dum la Kongreso*

Malĝoja okazo ĵetis iom da malgajeco sur la nelaj tagoj de nia bela dua universala Kongreso. S-ro D-ro R. J. Lloyd, el Liverpool, promenis kun unu el siaj filinoj apud la krutaĵoj de l'riverbordo, ĉe la kunfluejo de l'Rodano kaj la rivero Arve. Tial ke la vojeto fariĝis tro malfacila, kaj ĉar S-ro Lloyd ne volis retroiri, la fraŭlino restis sola kaj atendis lin, sed vane. Malgraŭ la penadoj de la anglaj amikoj de la malaperinto kaj la serĉadoj de miloj da personoj, la helpado de la franca kaj svisa ĝendarmaro kaj la esploroj de la grandaj gazetoj kiuj dungis specialajn spertulojn, malgraŭ promesata premio 1.000 fr. ne unu postsigno estis retrovita, nek en la rivero, nek en la kamparo.

S-ro D-ro R. J. Lloyd apartenas al malnova familio « liberal methodist » el Liverpool. Li estas bofrato de S-ro Silas K. Hocking, konata kiel predikisto kaj romanisto, kaj nevo de S-ro Thomas Snape, juĝisto en Liverpool. D-ro Lloyd, literatura doktoro de la Londona Universitato, estis longtemps membro de la estraro de l' « Free Methodist College ».

* * *

En la lasta horo, la telegrafo informas nin ke la korpo de nia samideano estas retrovita en la Rodano, ĉe la franca vilaĝo Seyssel.

La filinoj kaj la bofilo de l'droninto rekonis lin.

Kondolencojn sincerajn ili ricevu de ni.

(1) En Cambridge !

## Kelkaj praktikaj aferoj

(sekvo)

*Publikaj esperantaj oficejoj. — Afiŝejoj. Novaj jesaj respondoj.*

En la n-ro 21-a de Esperanto-Jurnalo mi turnis min al la grupoj, kluboj, kc., kaj demandis al ili :

I-e. — Se komercistoj (hotelistoj, kc.) esperantistoj aŭ NE, sendos al vi prezarojn, gvidlibrojn, aŭ aliajn propagandilojn, individuajn aŭ multopajn, redaktitajn en Esperanto, ĉu vi promesas :

*b)* Ilin traduki al la neesperantistoj kiuj tion petos ?

*c)* Kiel eble plej klopodi por konigi al la publiko pri kiuj aferoj vi ricevis kaj povas doni informojn ?

Mi jam diris, en la aludata n-ro ke, laŭ mia opinio, por veki la intereson de la publiko pri Esperanto, estas necesa ke oni havigu profiton per Esperanto eĉ al neesperantistoj. Do mi opinias, ke la publikaj esperantaj oficejoj devus ĉefe celi la kreadon inter si kaj la publiko neesperantista de tre oftaj kaj intimaj rilatoj.

Certe por tio, ili faros bone, presigante sur la jurnaloj de sia lando, aŭ de sia urbo, artikolojn per kiuj ili anoncos al la publiko, ke ili ekzistas, kaj per kiuj ili priskribus la servojn kiujn ili povas fari. Tiel faris la « Komerca kaj industria sekcio de la grupo esperantista Pariza » en la gazeto « Petit Parisien » kaj aliaj. Bedaŭrinde, iafoje, ili renkontos gazetistojn kiuj malfacile akceptos iliajn artikolojn aŭ konsideros la sciigojn donitajn kiel komercistajn sciigojn, kaj postulos monon por ilin enpresi.

* * *

Sed, ĉiuokaze, oni povos ankaŭ uzi la bonegan rimedon elpensitan de la grupo de « Le Creusot » (Francl.)

Tiu grupo elektis, en la plej laŭirata strato de la urbo, tabakvendejon kaj donis al la vendistino la bibliotekon de la grupo. La Katalogo de la libroj, skribita sur kartono, estas afiŝita en la vendejo. Ĉiufoje kiam oni prunteprenas libron, oni pagas 5 aŭ 10 c/mojn laŭ la dikeco de la libro. La vendistino vendas ankaŭ ĉiujn esperantaĵojn : ŝlosilojn de ĉefeĉ, verdajn signojn, esperantajn postmarkojn kaj postkartojn, krajonojn, kc. kaj ricevas procenton por siaj vendoj.

Fine ĉiu esperantisto de la grupo estas petata aĉeti ĉe tiu vendejo siajn bezonatajn postmarkojn, tabakaĵojn, paperaĵojn, kc.

La vendistino ricevas de tio profiton. Kaj pro tio si ne sancelis permesi, ke oni afiŝos en sia fenestrego, sur speciala kartono, ĉiujn sciigojn por la grupanoj kaj por la publiko : avizo de kunvenoj, ekskursoj, paroladoj. Plie oni afiŝas tie la ĉefajn novaĵojn, artikolojn el gravaj jurnaloj pri Esperanto, fotografaĵojn, postkartojn, leterojn (enlanda traduko kune), ricevitajn el alilando, kiuj povas veki la scivolon de la publiko.

Kompreneble, tia fenestrego, tia *afiŝejo*, estas tre oportuna kaj tre taŭga por la publika esperantista oficejo kiu povos anonci tie sian ekzistecon kaj diri kiujn servojn ĝi povas fari al la publiko, pri kiuj aferoj ĝi ricevas kaj povas doni informojn.

Tia afiŝejo tre bone funciadas ankaŭ en Beaune (Francl.), kaj en aliaj urboj diverslandaj.

Kompreneble, anstataŭ tabakvendejon, oni povas elekti alian butikon, ekz. papervendejon en kiu oni vendas postkartojn, paperojn kaj kelkajn librojn. Ĉe tiu okazo, ĝi povas ankaŭ vendi ĉiujn esperantajn librojn kio donas al ĝi satindan profiton. Se, (kiel en Lausanne, Svislando, 10, route du Tunnel, S-ro Thonney), la vendisto povas paroli Esperanto, se li estas sekretario por la publika esperanta oficejo, tio esta ankoraŭ pli bone.

Fine, se tiuj oficejoj sukcesos, se ili iam havos gravecon similan je tiu de iaj informaj agentejoj, ekzemple tiuj de la svisaj hotelistoj, kaj se ili gajnos iam kelkom da mono, ni povos esperi ke ni havos por ili specialajn ejojn, belvidajn kaj eĉ luksajn kiel jam en kelkaj ĉefurboj.

Th. Rousseau

Mi ricevis ankaŭ kelkajn jesajn respondojn al mia demandaro de la 21-a n-ro : Svislando : La Chaux-de-Fonds ; Franclando : Saumur, Tours, ka.

## ESPERANTO-JURNALO

Anonima Akcia Societo

La I-an de septembro okakis en la anoncita lokalo kunveno de akciuloj de la anonima akcia societo ESPERANTO-JOURNAL.

Ne prezantante la ĉeestantoj sufiĉan nombron da partoj laŭ la statutoj, ili ne povis preni firman decidon. Tamen ili elektis S-rojn Renard, el Genève, kaj Richard, el Bellegarde, akciulojn, kiel kontrolistojn, kaj ordonis al S-ro Berthelot submeti al ili la registrojn kaj kontrolibrojn de la Societo.

S-ro Berthelot, ĝis nun delegita administranto de la Societo, havas la honoron informi la interesatojn, ke pro gravaj kaŭzoj, estas al li neeble resti en la postenon kiun li ĝis nun okupas en la Societo.

Sekve, tuj post kiam la kontrolistoj estos fínintaj sian laboron, li remetos al ili ĉion koncernante la jurnalon kaj la societon, kaj petos, ke oni bonvolos akcepti lian eksiĝon kaj nomi alian administranton anstataŭ li.

* * *

## DIVERSAĴOJ

### *Morges-Rolle-Nyon*

La esperantistaj grupoj de Morges, Rolle kaj Nyon, kunvenos amike la dimanĉon 9-an de septembro ĉe « Le signal de Bougy » Foriro de la stacidomo en Rolle, tramverturilo je 3 h. 12 posttagmeze. Alilandaj samideanoj kiuj ankoraŭ estas en Svislando estos kore akceptataj.

Informoj petu de l'Rolle' a esperantista grupo, Grand'Rue, 38.

* * *

### *Malavara dankinda donacinto !*

Ni jus ricevis en la « Esperanto-Oficejo » en Genevo poŝtan mandaton de S-ro Cros, en Saint-Igny du Vent, Franclando, adresitan al nia kara majstro, Dro Zamenhof.

Je la dispono de ĉi-tiu ni zorgas la respondan sumon, nome centimojn 25 !

* * *

### *Thudicum'es Kolegio en Genevo*

Jam la dua kongreso ekvidigas unuajn fruktojn. Estro de granda internacia kolegio en Genevo, S-ro Thudicum, konvinkita pri la graveco kaj la estonteco sukcesa de la nova lingvo, mirigita de ĝia utileco kaj kompara facileco, informas nin pri sia decido enkonduki ĝin en la ordinara lecionprogramo de ĉi tiu lernejo, la « Internacia Kolegio ».

Multaj lernejestroj espereble sekvos baldaŭ tian bonegan ekzemplon, Kiam ni eblos vidigi en ĉiu lando, en ĉiu urbo, lernejojn publikajn kaj privatajn, en kiuj gejunuloj kutimas paroli kaj skribi esperante, tiam senŝanceliĝe kaj laŭte ni proklamos : Esperanto venkas kaj de nun neniu kuraĝas kontraŭbatali ĝin.

T.A.M. Muschamp.

## LA SIMPLIGO DE LA ANGLA ORTOGRAPHIO

Dume en Franclando komisiitaroj redaktas raporton post raportoj kaj dum reformistoj kaj iliaj kontraŭuloj senfine interdisputas, ĉiam prokrastigante la tiom dezirindan solvon de la demando pri la simpligo de la franca ortografio, jen trans la oceano oni pli rapide kaj malpli dispute agas.

Efektive, la prezidanto de la granda respubliko amerika, S-ro Roosevelt publike apogas la iniciatinton de la reformado de la angla ortografio kaj klopodas mem por la trafo de tiu ĉi celo.

La gazetoj, kiuj informas nin ke la prezidanto farĝis fervora partiano de la fonetika ortografio, konigas ke, ian jusan tagon, li ordonis ke estonte ĉiuj de li sendataj depeŝoj oficialaj estu skribitaj laŭ la sistemo de P-ro Brander Mathews. Tiu ĉi sistemo estas rekomandata kaj monhelpata de S-ro Andrew Carnegie.

S-ro Roosevelt kredas, ke tiuĉi procedo fortikigos la anglan ortografion, igo la lingvo pli populara kaj ebligos, ke la fremduloj ĝin lernos pli rapide.

Li esperas, ke la lingvo tiel simpligita baldaŭ triumfos la francan kiel diplomata lingvo. Li konfesas, ke li estas entuziasma admiranto tiel de la anglo-saksa lingvo kiel de la anglo-saksaj institucioj kaj vidas neniun kaŭzon malhelpantan, ke la lingvo de la superreganta gento estu la lingvo superreganta en la mondo.

Da prezidanto mendiĝis por la regna presejo la regularon pri la nova ortografio, kiu estas uzota en la publikaj dokumentoj. La kanditatoj al la ŝtataj oficoj devos scii la uzadon de la fonetika ortografio kaj la oficuloj petas, ke oni ĝin instruu en la lernejoj.

Jam la prezidanto mem uzis la reformitan ortografion en oficiala korespondaĵo al la ministro de la militaj aferoj.

Multaj gravaj personoj, el kiuj scienculoj, literaturistoj kaj estroj de komercaj firmoj sendis al li sian aprobon.

Sed flanke je la aproboj kaj gratuloj alvenas ankaŭ ne malpli multaj malaproboj, riproĉoj kaj plendoj, precipe el anglolando, kies gazetaro akre kritikas la konduton de l'america Prezidanto.

Se daŭrigos P-to Roosevelt sian entreprenon, ankaŭ daŭros kredeble la malkonsento inter ambaŭ angla kaj amerika landanaroj kaj eble naskiĝos nova lingvo — la amerika lingvo — kiu iam superregos la tutmondon.

Tremu kaj sin gardu Esperanto kaj esperantistoj !

Sed ni ne trograndigu kaj ne ŝercu. Ja ni kredas, ke ne baldaŭ efektiviĝos la revo de universala lingva superregeco de l'amerika respublikestro ĉar kiom ajn oni simpligos la ortografion da la angla lingvo, neniam nedubeble oni sukcesos fari el ĉi tiu lingvo idiomon tiel simplan kaj facile lerneblan, eĉ de nekleruloj, kiel estas Esperanto.

Ne, ni ne timas ; male, ni vidas interese tiun batalon al la simpligo kaj fonetikigo de la ortografio de la pli disvatigita eŭropa lingvo, ĉar tio pruvas kiom prava estis D-ro Zamenhof ellaborante sian, kies du ĉefaj bonaĵoj estas simpleco kaj fonetismo.

Louis Segretinat.

## Generala Kunveno de la "Ruĝuloj„ Esperantistaj

Okazinta en Genevo la 2-an de Septembro 1906

La Kunveno oficiale malfermiĝas je la 10-a matene. — ĉeestas kamaradoj el Franclando (Parizo, Bellegarde, Voiron, Saumur, Gex) ; Britlando (Liverpool, Ipswich, Manchester) ; Germanlando (Frankfurt) ; Aŭstrolando (Tirolo) ; Svislando (Genève, Nyon, Zürich, Neuchâtel) ; Pollando (Warsawa) ; Manĝurlando (Kharbin).

Kiel Sekretario estas elektita la kamarado Fi-Blan-Go.

Oni decidas unue ne publikigi la nomojn de la ĉeestantoj.

Verema salutas la kunvenantojn, kaj rakontas pri la cirkonstancoj de la naskiĝo de la ideo pri « Socia Revuo ».

Fi-Blan-Go legas leteron de la sekretario de la Asocio « Paco-Libereco ».

Verema parolas pri la necesa unuiĝo de la ĉiunuancaj ruĝuloj por efektivigi la unuan revuon esperantan LIBERAN.

Papillon raportas pri la Grupo Liberecana Esperantista de Parizo.

La tagordo venigas la raportojn pri la nuna stato de Esperanto ĉe la diversnaciaj ruĝularoj. Rezultas el tiuj raportoj ke la situacio ĝenerala, kvankam ne ankoraŭ brila estas tamen esperoplena kaj montras la nepran necesecon de neŭtra informilo inter la diversnaciaj militantoj.

La kunveno komisias al kamarado Verema liveri al la interesatoj la precizan tekston de la decido de la kongreso de Châlons pri uzado de Esperanto en la internacia Brusela Oficejo.

La intereso estas precipe vekata de tiu fakto ke kelkaj gazetoj (Vorwärts, ka.) diris ke la uzado de Esperanto estas malpermesata de la germana socialista estraro.

Pri la venonta internacia socialista Kongreso de Stuttgard, oni konsilas al la samideanoj informiĝi pri la eblaj delegotoj de sia lando en tiun kongreson kaj fari apud ili ĉiaspecan propagandon.

Pri la enkonduko de Esperanto en la laborista klaso, oni varme konsilas al la propagandistoj kaj instruantoj uzi kiel eble plej simplajn lernolibrojn kaj instrumetodojn. M. V. rekomendas precipe la Ekzercaron de Zamenhof. K. B. diras ke ĉiuj metodoj estas malbonaj por la neinstruitoj. Oni devas doni al la lernantoj interesan libron (romanon) por legi kaj nur direkti, kontroli kaj faciligi lian laboron. N. E. rimarkigas ke per tio la gramatiko senintence lerniĝas.

Oni konsilas al la samideanoj folasi neniam okazon por interesigi la laboristarojn pri la demando de lingvo internacia (kongresoj, strikoj, kc.)

Oni komencas disputi pri la titolo de la estonta revuo kaj por doni la tempon zorge pripensadi la demandon oni decidas rekunveni posttagmeze je la tria.

*Dua Kunveno.* — Post kelkaj proponoj kaj interŝanĝo de rimarkoj por la titolo de la revuo, oni akceptas

**"Internacia Socia Revuo„**

Efektive, la disputado montras ke estas bezona nova radiko, ĉar la konataj radikoj ŝajne internaciaj, kiel social, komunist, demokrat, kc, havas laŭ la landoj tre diversajn signifojn, kaj la akordo estas ebla sur neniu el ili.

La kunveno esprimas la deziron ke plej baldaŭe eliru la unua numero. Oni decidas eldoni kvaran kaj lastan rondirantan folion sur kiu oni montros la adresojn de la naciaj kunlaborantoj kaj detalos la praktikan planon financan por la eldonado de la revuo.

Oni decidas, ke la protokolo estu publikigota en la IV-a folio.

La kunveno finiĝas je la 6-a.

Fi-Blan-Go

## LA TIPMAŜINO « OLIVER »

Dum la Esperanta ekspozicio de la Kongreso oni multe rimarkis la skribmaŝinojn senditajn de la angla firmo « Oliver » kun la esperanta klavaro, kaj la belegan prospekton presitan de tiu firmo en nia lingvo. Ni pensas esti agrablaj al niaj legantoj donante al ili kelkajn informojn pri tiu maŝino, ĉar tre ofte ni recevas petojn pri informoj de personoj dezirantaj akiri tipilon taŭgan por esperanta skribaĵo.

La ĉefa kaj distinginda karaktero de la Oliver estas la skribvidebleco ; ĉiu litero vidiĝas tuj post sia presiĝo. Oni ne bezonas levi la paperportilon aŭ rigardi ian parton de la skribmaŝino, ĉiu vorto estas videbla tuj post sia skribiĝo. Ne estas nesecе argumentati por pruvi la oportunecon de videbla skribaĵo kontraŭ la nevidebla skribaĵo de iaj tipmaŝinoj.

La rektliniiĝo de la Oliver estas ĉiam pli konstanta, ol ĉe aliaj sistemoj.

La literporta stango estas duobla, anstataŭ unuobla. Dank'al tia speciala literportilo, la rektliniiĝo fariĝas tute senpere, kaj neniel ia literkondukilo estas necesa. Ĉial, se oni premas klavon, la litero rekte celas la punkton presotan, kaj tiel kaj ĉiam, ĝi konservas liberecon.

Estas neeble, ke la literportiloj implikiĝu, tute egale ĉu multe da klavoj estas mallevitaj samtempe ; dank'al tio, la rektlinieco de la linioj neniam estas difektita pro la kuntuŝiĝo de la literoj forpuŝitaj el ilia literejo, ĉar la konstrueco mem de la skribmaŝino malebligas tian malutilon.

Ni altiras la atenton al tiu grava punkto : Oni rimarkos, ke la stiftoj de la literportiloj estas kunlutitaj kun la literportaj stangoj, kio malhelpas, tiamaniere, la eblon de ilia defalo en la maŝinon kaj eventuala perdiĝo. La paperingo estas tre malpeza, kio permesas facilan liberigon, sen la tro forta streĉado de la risorto. Ĝi estas provizita per tri kondukaj rulaĵoj sendependaj, kiuj akceptas paperfolion el kia ajn formato (ĝis la formato de la paperportilo), kaj kondukas ĝin en kia ajn pozicio. Ne estas elastaj banderoloj, kiuj povus difektiĝi aŭ malstreĉiĝi. La glitmoviga manlevilo (difinita por rapide ŝovi la paperportilon maldekstren) kaj la interliniiga (interspaciĝo) levilo staras maldekstre ; tiamaniere, la dekstra mano de la tipisto, pli lerta ol la maldekstra, estas ĉiam libera, kio faciligas la laboron. La interliniigo estas nepre aŭtomata ; por resendi la paperportilon dekstren, sufiĉas premi la interliniigan levilon, kiu regas la paperportilon, por ŝanĝi la linion. Laŭvole, oni povas efektivigi interliniojn duoblajn, aŭ trioblajn. Liberiga manlevilo estas provizita, laŭ vole, ebligante, ke la papero estu streĉata aŭ liberigita por sia rapida forpreno el la maŝino ; tiamaniere, ambaŭ manoj estas liberaj, kaj estas facile fari kion oni volas. La sama manlevilo, kiam oni uzas ĝin laŭ mala ago, ebligas la tenon de dikaj kartoj inter la rulaĵoj, kaj ankaŭ faciligas ilian enmeton. Ni altiras speciale la atenton al tio, kion oni nomas « frota konuso » aŭ frota rado, kiu estas difinita por ŝanĝi la skribareon de la cilindro. La paperportilo de kelkaj skribmaŝinoj tre rapide striiĝas pro eluziĝo kaŭzita de la ĉiama frapado de la litero sur la cilindro, laŭ samaj kaj regulaj linioj. Inter tiuj linioj la supraĵo estas bona, sed se oni turnas la cilindron, estas tute neeble prosperi por pr...enti tiun neeluzitan supraĵon al la linio presota. Koncerne la Oliver sufiĉas premi manlevileton, ziu staras apud la frota rado ; la cilindro turniĝos libere de tiu rado, kio ebligas sanĝi laŭvole la lokon de la linioj. Tiu elpensaĵo, kiu permesas skribi sur antaŭe strekitaj linioj, okupi blankaĵojn, k.t.p. trafas ankaŭ la regule bonan staton kaj la daŭrecon de la cilindro, kaj sekve, forigas rapidan eluziĝon.

La surfaco de la rubando estas uzata laŭ ĝia tuta amplekso, kaj simpla retroiro estas uzata anstataŭ aŭtomata ilo. Oni scias tre bone, ke aŭtomataj rubandoj neniel estas ŝatindaj, pro komplikeco kaj malopoprtunaĵoj. Estas nenia profito ilin uzadi. La retroiro de la rubando Oliver efektiviĝas rapide, kaj estas kuj regita de la fingro de la tipisto.

Oni povas tipi je kia ajn koloro, metante sub la rubando specialan karbonan paperon el grandeco kutime uzata ; tio ebligas plividigi ian linion aŭ kelkajn vortojn.

La liniojn oni povas streki, dum la papero kuŝas en la maŝino, aŭ horizontale, aŭ vertikale, kaj je kia ajn koloro ; ĉe aliaj maŝinoj streko strekota estas kutime lasata ĝis kiam la papero estos forprenita el la maŝino, sed tiam, tre ofte oni forgesas.

La literoj de la Oliver ne estas, kiel ĉe aliaj maŝinoj, purigataj po unu, sed ĉiuj kune ; kaj la purigo de la Oliver'aj literoj estas tiel facila, ke senkulpigo pri malpureco ne estas tolerinda. La literoj elstaras supre, tute pretaj por la purigo, kiun oni faras per kelkaj brosbatoj.

La libera kaj rekta agado de la literportiloj Oliver ebligas, kia ajn estas la forto de la fingra frapo, ricevi egalajn skribaĵojn, de la unua ĝis la lasta. Lo literportiloj rekte frapas la paperon, ne malhelpataj de la intermetado de kondukiloj, kaj ilia emo surfali rekte sua la cilindron, epligas, tiamaniere, la produkton samtempe kaj seninterrompe de unu ĝis dudek kopiaĵoj, ne pliigante la laboristan penadon. La Oliver estas la plej bona multekopiista tipmaŝino !

Neniel forta frapo estas necesa por fari kliŝfolion per tiu maŝino. La kutima frapado sufiĉas, kaj ĉiuj riskoj pri disŝiraĵoj de la kliŝfolio, tiel timindaj de la tipistoj, estas malhelpataj, ĉar la maŝino eltranĉas kiel eble plej delikate.

